2ª jaro - Nº 7-8 (14-15) (Publication mensuelle) Julio-Aŭgusto 1934

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro: Raymond SCHWARTZ
Redakcio: 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio:
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14ᵉ

FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

**Responde al multaj nesatigeblaj senpacienculoj:**
**Nun silentu! — Jen Ĝi!**

# TARIFO DE L'ABONOJ

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

en Francujo kaj Saar-Teritorio. . . . . 10 fr. fr.

en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . 12 fr. fr.

en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . 15 fr. fr.

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIV[e]

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.



Ni havas la profundan doloron sciigi al nia elita legantaro kaj al ĉiuj amikoj, ke la ĝisnuna, tiom simpatia

# Komitato de UEA

post longa sufero pro kruela kancera malsano kaj post plej sindona flegado kaj plej lerta preparo
estis subite, neatendite kaj triumfe reelektita
la 17-an de Julio 1934-a.

Kvankam por sia entombigo ĝi zorgis mem en plej sinofera kaj heroa maniero, fosinte sian grandan truon (en la budĝeto), la ceremonio — pro kaŭzoj misteraj — estis prokrastata. Sed en Stockholm ĝi mortis.

**TAMEN!**

Kun sincera kaj kortuŝa bedaŭro

La ploranta Esperantistaro, vidvino;
La senkonsola kaso de UEA, patrino;
La funebra gazeto « Esperanto », patro;
La senmova Movado, filino;
La malsata Propagando, mizera duonfilo;
Kaj ĉiuj kuzoj en Parizo, Londono kaj aliloke.

*Ĉiujn kondolencojn oni sendu senescepte kaj urĝe al Svisa poŝta ĉekkonto: Genève 1.2310*




# Pilorio... aŭ Piedestalo?

Vidu, kiom nekomprenemaj estas niaj samideanoj! Jen ni havas inter ni kelkajn geniajn homojn, bedaŭrinde ankoraŭ malmultajn, kiuj ne nur komprenis sed praktike pruvas, ke Esperanto povas esti utila kaj profitdona. Kaj kion ni faras? Ni malhelpas ilin! Ekzemplo: Tiuj malmultaj geniaj homoj migradas tra la mondo. Anstataŭ mono kaj laboremo, ili kunportas kelkajn elementajn (aŭ kelkfoje ankaŭ tre kompletajn) konojn Esperanto-lingvajn. Dank'al maldiskreta stelinsigno sur la fervora koro, ili gastiĝas ĉe simpatiaj gesamideanoj, sin nutras kaj ripozas, amindumas (se ne pli) la dommastrinon aŭ, kiam tio estas neebla, ties filinon, prunteprenas metalajn aŭ paperajn sumetojn kaj daŭrigas la vojaĝon. Jen homoj, verŝajne la solaj en la tuta mondo*), kiuj scipovas melki Esperanton kun palpebla profito, — jen homoj, kiuj ĉiutage denove atestas, ke Esperanto estas vivanta, ĉar — kiel vi scias — puloj, cimoj kaj pedikoj ne ennestiĝas sur kadavroj. Kaj anstataŭ laŭdi ĉi tiujn kuraĝajn apostolojn, anstataŭ ilin uzi kiel propagandilojn por konverti aliajn idiotojn, ni stulte kaj insulte alnajlas ilin al la hontofosto: Kontraŭ ili ni publikigas avertajn artikolojn tra nia gazetaro!

Esperantistoj, vekiĝu kaj komprenu! Ne alarmu la policon, sed profitu ĉi tiun unikan propagand-okazon: Esperanto utilas. — Kaj vivu la Esperanta ŝtelo!

La deĵoranta Pirato.

---

*) Nia deĵoranta Pirato ŝajne estas iom tro ekskluziva!

(Noto de la Red.)

# La granda komploto
## kaj ĝiaj teruraj konsekvencoj

Iam aŭ tiam io simila devis okazi. Tiajn neeviteblajn fatalaĵojn oni instinkte antaŭdivenas.

Kvankam estas skribita sur la centra velo de nia ŝipo per dikaj literoj la ununura statutparagrafo de nia pirata bando, tamen kelkaj ribelemuloj ĝin provoke malatentis jam de certa tempo. Tiu paragrafo, ortodokse ĉerpita el la « Fundamento de Esperanto » (Ekzercaro, § 37), tekstas :

« La ŝipanoj devas obei la ŝipestron. »

Sed okazis tre ofte dum la lastaj vojaĝoj, ke manifestiĝis spitema, kontraŭstara tendenco. Kiam, ekzemple, la ŝipestro mendis nordan venton kaj kiam, konsekvence, la nordpolusaj turbinoj liveris la deziratan blovadon, tiam kelkaj sendisciplinaj elementoj plenpulme blovadis el la suda ŝipparto. Dank'al superhomaj klopodoj de Solsona, Nels, Condorcet, Jules Laribois, la ŝipo subite haltigis sian glitveturadon kaj staradis surloke. Sed kiam ankaŭ Ale Ben Tarip, Rosa Meier, A. B. C. Awful kaj Tan Hauser kunhelpis al la ribelmovado, nia malpeza fregato cedis venkite kaj retroiris al la nordo. Ankaŭ Pulbuŝel tro ofte kaj kaŝe partoprenis tiun opozicion al la ŝipestra volo. Li estis eĉ, dank'al longjara sperteco en tiu ĉi fako, pli ol la aliaj danĝera. Oni devas bedaŭrinde konfesi, ke lia agado estis tipe malnobla. Li ne kontentiĝis, kiel la aliaj, eligi sian blovtalenton el la vangostreĉita vizaĝo, sed li inaŭguris kun kanibala cinikeco alian fimetodon, ĝis nun neniam aplikitan en la historio de l' velveturado. — Kiom ajn kondamninda ŝajnas, laŭ

la morala vidpunkto, la enradikiĝo de similaj fiprocedoj, speciale sur la ferdeko de honesta piratŝipo, oni ne povas nei, aliflanke, ke laŭ pure teknika vidpunkto eĉ la envio devas respekte kaj riverence demeti la ĉapelon antaŭ la konstatita rezultato. Estas neneeble, ke la agado de Pulbuŝel egalis per sia efiko almenaŭ 3 — 5 ĉevalpovojn.

Jes, — sed la ŝipestro estis nur duonblinda. Jam de multaj semajnoj li ŝtelobservadis la perfidan manovradon tra la longa tubo de sia pipo. Tamen li konservis sian serenecon. Neniu vorto, neniu gesto, neniu grimaco supozigis, ke li trarigardis la tutan komploton. Ĝis la lasta momento li ŝajnigis sin komplezema, afabla kaj kvazaŭ absorbita per aliaj problemoj. Malavare li duobligis la tabakporciojn ; — unu fojon eĉ, li trinkis proprabuŝe el la laktobotelo de Ale Ben Tarip ; — al Rosa Meier li faris, ekstervice, specialajn favorojn je la kostoj de Sala Fumal ; — kaj de Nels li akceptis poemon... Bedaŭrinde, tiam neniu komprenis, ke tio estas nur la silento antaŭ la uragano.



Ĉu mi dormis, ĉu ne dormis ? Ĉiuokaze vekis min la konata bruo de pistolpafado. Senplue mi glitis el mia hamako kaj nudpiede grimpis sur la ferdekon. Jen bela spektaklo.

Tie kuŝis la simpatia granda kadavro de Solsona, kun iom da ruĝo sur la frunto. Tie kuŝis Condorcet, kies vizaĝo aspektis ŝaŭmkovrita pro la ŝprucaĵoj de l' cerba materio. Tie kuŝis Pulbuŝel, la strangmora, kaj Nels, la morstranga, kaj Rosa Meier, tiu neplibonigebla koketulino, kiu eĉ dum la morto afektis serene sirenan rideton. Kaj tie kuŝis ĉiuj aliaj, miaj iamaj kamaradoj kaj kunkulpuloj dum multaj marbataloj kaj noktaj ceremonioj. Homoj kuraĝaj, atakavidaj, sinceraj (iom tro !) kaj homaj. Meze inter ili, kun bovine stulta ridgrimaco ĉirkaŭ la piptubo, staris la ŝipestro. Kiam li ekvidis min, li rimarkigis kontente:

« Jen vi havas ! »

« Kio okazis ? » mi balbutante demandis kaj fiere, sentreme la ŝipestro respondis, remetante en ĝian ujon ankoraŭ fumantan pistolon :

« Ĉi tie regas ordo. — Kaj neniam forgesu, Sala Fumalineto, ke la ŝipanoj devas obei la ŝipestron ! — Sidiĝu... »



Tiam rompiĝis la bremsoj de mia doloro, kaj ĉiuj risortoj de mia juna korpo. Miaj brakoj pendis senfare, kiel senfortaj flugiloj, mia kapo kliniĝis super la kadavroj kaj kliniĝis miaj brustpintoj kiel flagoj neflirtkapablaj dum funebra saluto. Mi ploris.....

Nun ankaŭ la ŝipestron ekkaptis ebla emocio kaj evidentaj konsciencriproĉoj, — per kio li montris, ke li ne estas perfekta estro, efektiva reganto, sed nur pulĉinelo el nudela pasto. Ha, ha, ha, ha ! Nun li provis revivigi la mortintojn ! Sed vanaj estis ĉiuj klopodoj pri artefarita spirado. Neniu moviĝis. Tiam ankaŭ la ŝipestro komprenis, ke restas nur unu sola espero, unu rimedo. Li alportis ĉampanbotelon, kaj vidu ! — La bruo de l' forsaltanta korko faris la miraklon : Kiel unu homo ĉiuj dormantoj subite ekstariĝis kaj ekkriis ĉiuj samtempe : « Je nia sano ! »



Nia elita legantaro certe komprenis tuj, ke la supra rakonto estas pure fantazia, ĉiuparte ĉerpita el la regno de l' fabelo. Tiaj aŭ similaj scenoj — kiel ĉiuj scias — ja ne povas okazi en la praktiko.

Sala Fumal.

*Por kelkaj la kongreso estas laboro, — por aliaj bela vojaĝo, por aliaj... nur alibio !*

# Nepre subteninda, kvankam privata iniciato

Aserti, ke niaj oficialaj instancoj nur tro malofte havas bonan ideon, ne estas troigo. Tro ofte ili okupiĝas pri bagatelaj aferoj forgesante la grandajn, utilajn agojn, kiuj povus definitive konverti la heziteman mondon al nia bela idealo. Tial ni volonte kaj fervore subtenas en nia Pirato ĉiujn kuraĝajn entreprenojn, eĉ kiam ili venas el privata iniciatemo.

Nia elita legantaro certe memoras ankoraŭ la noblan artikolon, kiun ni publikigis kun tre laŭdinda intenco en nia decembra numero. Temis tiam pri utila enketo, kiun organizis nia bona amiko Stat. Istikul por ekscii, finfine, kiom da seĝoj troviĝas en la mondo. Nia alvoko, cetere, restis ĝis hodiaŭ sen ia rezultato, sed tio neniel malkuraĝigas nin. Male!

Hodiaŭ ni havas la plezuron submeti al la bonvola atento de nia elita legantaro artikolon el « The British Esperantist » (aŭgusto 1934), pri kies graveco ne necesas komentarii. Ĉiu tuj komprenos, ke estas honordevo kunlabori al rapida sukceso de la entreprenita enketo. Ĉiu nobla ekpaŝo ĉiam trovas niajn paĝojn gastame malfermitaj.

## INTERNACIA TERNADO

Ni ofte diras al la publiko, ke Esperanto povas utili por kio ajn. Jen okazo pravigi tiun aserton, montrante, ke nia lingvo faciligas internaciajn enketojn pri naciaj kutimoj aŭ esprimoj.

En Francujo, kiam iu ternas, lia kunparolanto kutimas, laŭtradicie, diri « Dio vin benu ! » aŭ « Je viaj deziroj ! » Oni diris al mi, ke en Italujo la kunparolanto diras « Saluton ! » kaj la terninto respondas « Dankon ! »

Ĉar verŝajne estus interese kolekti la diversajn naciajn aŭ lingvajn manierojn, laŭ kiuj oni kutimas signi tian nevolan fiziologian nazbruon, kaj per komparo starigi pri ili amuzan tabelon, mi estos danka al vi, kara leganto, se vi bonvolos — eĉ nur per poŝtkarto — sciigi al mi : 1) Kion, en via lando, regiono, provinco, oni laŭvorte diras (aŭ faras), kiam iu ternas ; 2) La signifon de la vortoj (aŭ gestoj) ; ankaŭ, se eble, de kio aŭ de kiam devenas la kutimo de tiaj diroj aŭ faroj.

René de Lajarte,
4, villa d'Orléans, Fontenay-sous-Bois, Seine
(Francujo).

Kompreneble, tio estas nur la komenco. Se ĉiuj respondos, kiel ni rajtas esperi, al la diskretaj demandoj de nia scivolema amiko de Lajarte, li poste tre volonte kompletigos sian studon. Ĉar estas vere skandalo, ke ĝis nun neniu (eĉ ne nia Akademio) okupiĝis pri internaciigo de tiu fiziologia nazbruo, kiun oni kutime nomas ternado. Ni ternas nin, pardonu ! — ni turnas nin pli speciale al ĉiuj samideanoj, kiuj iam havis la okazon ĉeesti Universalan Kongreson : Ĉu ne estas vere, ke tie, kie ĉiuj parolas la saman lingvon, preskaŭ ĉiuj tamen ternas diversmaniere? Ni havis jam persone la okazon registri la plej diversajn sonojn, kiam temis evidente pri esprimo de unu sama bezono. Ekzemple : ha-ĉumm, — ĉĉimm, — apfftŝ, — tubuŝŝ, — cum (plej ofte ĉe sinjorinoj), — ibi... ibi... ibi... takvisss (ĉe hezitemaj temperamentoj), — paŭc, — eŝ... eŝ... ŝvarc !, — a... a... nels ! k. m. a. Alvenis nun la tempo unuecigi la ternadon.

Plue estus interese scii, kiel, en la diversaj landoj, oni kutime protektas sin kontraŭ la ternoŝprucoj. Ĉu ne estas, ekzemple, insulto al la ternanto, se oni rapide malfermas pluvombrelon, aŭ malaperas sub la tablon ? — Ĉu estas kutimo, en certaj provincoj, averti la ĉeestantojn almenaŭ kelkajn minutojn antaŭ la ternekspIodo ?

La supra enketo de S-ro de Lajarte tre certe koncernas nur la virajn ternojn, ĉar enketi ankaŭ pri la inaj ternoj, signifus ja uzurpi rolon, kiu laŭstatute apartenas al alia. Ĉu ni ne havas en Ĝenevo direktoron de l' in-ternaj aferoj ?

Antaŭ ol fini nian priskribon, ni povas mencii, ke nenio malhelpos, se la rezultato estos kontentiga, unuecigi poste ankaŭ la aliajn fiziologiajn bruojn. Kiel vi vidas, atendas nin ankoraŭ multaj interesaj taskoj.

JULES LARIBOIS.



# La belaj farsoj

La Internacia Konferenco, kiu okazis en Vieno dum lasta majo kaj kiu, kompreneble, havas nenion komunan kun la supra artikoltitolo, estis interesa laŭ multaj vidpunktoj. Bedaŭrinde nia gazetaro nur malmulte kaj nesufiĉe raportis pri ĝia sukceso. Estas nun, kiel asertas profesiaj pesimistoj, estas nun kriztempo kaj nur niaj ĉefaj organoj povis sendi senditon specialan al Vieno por surpaperigi kompletajn raportojn. Eĉ nia bonega « Esperanto » de Ĝenevo sentis kelkajn malfacilaĵojn. Verdire nia bona amiko Hans Jakob ja ĉeestis la konferencon, sed li estas direktoro de UEA kaj tial ne povis verki la bezonatajn artikolojn por la legantaro de la gazeto. Tamen, dank' al lia obstino kaj al lia konvinkoforto li sukcesis trovi raportanton, kaj dank' al la malegoismo de D-ro Privat, kiu permesis la publikigon de leteroj adresitaj kaj destinitaj al li persone, la legantaro de « Esperanto » ricevis sciigojn pri la konferenco. Tion la Esperantistaro devas danke kvitanci.

Jen la letero, per kiu nia bona amiko Hans Jakob anoncis sian sukceson al la Redakcio de « Esperanto » :

*Kara D-ro Privat,*

*Rapide mi informas vin, ke ĉio estas en ordo. S-ro Agricola konsentas verki raporton pri la konferenco en libera formo. Li rekte sendos ĝin al vi. Por gajni tempon, ni interkonsentis, ke vi ricevu de unu tago al alia priskribon de la okazintaĵoj en Vieno. Pri ĉio alia mi informos vin post mia reveno al Ĝenevo.*

*Kore vin salutas,*

Hans Jakob.

Tiun leteron publikigis « Esperanto », same kiel ĝi publikigis ankaŭ la leterojn verkitajn de S-ro G. Agricola speciale por D-ro Privat. Bone, bone. Necesus esti kverelema fiaĉulo por trovi ion riproĉindan en tiu ĉi perfekta aranĝo de inform-servo.

Sed intertempe aperis la Enciklopedio de Esperanto. Kaj nun ni komprenas. La Enciklopedio, tiu babilemulino, diras :

**Jakob** Hans, svisa civitano, direktoro de UEA., ktp. Verkinto de multaj artikoloj en Esperanto sub pseŭdonimo Agricola.

La bonhumoro ankoraŭ ne mortis ĉe UEA.

Condorcet.

# ALVOKO

## al ĉiuj honestaj kaj monhavaj samideanoj

Simpatiaj amikoj ! Aŭskultu pri GRANDIOZA PROJEKTO de « La Pirato » ! Ni ne fabelas pri ĥimeroj, jam ĉio estas preta, almenaŭ surpapere. Se ĉiuj laŭ siaj fortoj kaj monujoj kunlaboros, nia bela ideo baldaŭ realiĝos.

Certe, — ni ne pretendas esti la inventistoj de l' sistemo. Ĉiuepoke ekzistis ĉarlatanoj, — ekzistis ankaŭ sinceraj idealistoj, afablaj homaranoj, kuraĝaj utopiuloj kaj alispecaj piuloj. Sed ni, ni estas piratoj kaj tial tenas enmane ĉiujn garantiojn de sukceso.

Nun ni faris la decidan paŝon. Konsciaj pri nia altmorala rolo, pri niaj perfektigitaj kolektmetodoj kaj ĉefe pri la senfunda oferemo de niaj samideanoj, ni decidis ankaŭ niaflanke akcepti donacojn, ĉar vere, estus tro domaĝe ne elpremi ĝis la lasta guteto tiun sukan citronon, kiun oni nomas Esperantistaro !

Mankis nur taŭga preteksto. Ĉu promesi la konstruon de ripozejo por mallaboremaj samideanoj aŭ sportpalacon sur la luno ? Pli praktikaj, ni decidis starigi en poezie rava kadro de Grenlando

LA TEMPLON DE L' AMO !

Ni elektis la grenlandan regionon, ĉar ĝi plej bone taŭgas por kompakta amizolo, kaj tie la noktoj estas plej longaj.

Sed pri kiu Amo temas ? — Nu, ni estas eklektikaj. Nia Amo estos universala, internacia, individua, kolektiva, gastronomia, kaj entute tre multflanka. Nia Templo estos meditejo kaj foiro, merkato kaj hotelo. Ĝi estos la plej giganta entrepreno de nia jarcento. Por komenci la finkonstruon ni nepre bezonas kvin milionojn da frankoj (se eble svisaj !) Jam ni komencis kolekti. Ni estas certaj, ke ankaŭ vi deziros partopreni. Sendu, sendu vian monon al ni. Rekompence ni promesas publikigi vian nomon. Kaj ni eĉ dankos vin. Helpu, helpu, temas pri vere grandioza afero, kies detalojn ni eble komunikos en unu el la sekvontaj numeroj.

Do, senhezite, metu la manon en la poŝon !




KATALUNA ESPERANTISTO (Marto-Aprilo). — « . . . Li foriris ride laŭ la ŝtonpava vojeto. . . »

*Estas verŝajne, ke li ridis pro la ŝtonaj pavoj!*

LITERATURA MONDO (Majo). — « . . . se tie ĉi devas pluvi, do ankaŭ pluvas, kaj pluvas solide kaj sufiĉege. . . »

*Tiu solida pluvo konsistas certe el bastonoj!*

SAMLOKE (Junio). — « Super la valo fluis la rivero Inn. »

*Eraro! La rivero ne fluis; ĝi ŝvebis.*

SAMLOKE (Junio). — « Ĉirkaŭe staris montoj; ili premiĝis unu al la alia kaj unu grimpis sur la dorson de l' alia. »

*. . . kaj mallongan tempon poste naskiĝis ĉarma monteto!*

LA SUDA STELO (Junio). — « Ni devas direkti niajn okulojn al UEA. Nun ni ĉiuj havas unu saman tegmenton kaj unu saman fajrujon. Estus malprudente, eĉ peke, ne eniri. »

*Dankon! Jam unu fojon ni estis brulvunditaj.*

SAMLOKE. — « Ni deziras al tiu grupeto grandan sukceson kaj estas konvinkitaj, ke tiu ĉi nobela akcio trovos subtenon ĉe ĉiuj jugoslavaj esp-istoj. »

*Tio ne plu estas propagando, sed spekulacio... por nobeloj!*

ESPERANTO (Junio). — « . . . 3 tagan ekskurson al Bornholm por 102 kronoj. Ĉio komprenita. »

*Konkludo: Parolu klare kaj vi estos ankaŭ komprenita.*

SAMLOKE (Julio). — Anonco:

« Germana, 30-jara, senedza DIPLOM-INĜENIERO nuntempe okupata ĉe elektro-firmego, serĉas eksterlande okupon kiel konstrukciisto, fabrikfunkciestro aŭ asistanto ĉe scienca instituto. »

*Ĉu jam ni alvenis al tiu punkto, ke la germanaj inĝenieroj devas akcenti, ke ili estas « senedzaj »?*

LA PIRATO (Junio). — « 1 kz.: vi troviĝas sur 60 kaj ĵetas $4 + 6 = 9$. . . »

*Matematika strangaĵo, el kies rezultato rezultas, ke la pres isto estis ebria!* *)

---

*) Aŭ la redaktoro! (NOTO DE LA PRESISTO.) **)

---

**) Aŭ ambaŭ! (NOTO DE LA KOMPOSTISTO.)

LA SUDA STELO (Junio). — « Ĝi devas esti almenaŭ tiom bela kaj impona, kiom estis niaj anuaj kongresoj... »

*Certe preseraro. Bonvolu legi, laŭplaĉe, aŭ* unuaj *aŭ* enuaj. *Al tiuj, kiuj serĉas trian eblecon, ni diras « Fi! »*

LINGVO INTERNACIA (Junio). — « Helenaj gelernantoj deziras korespondi kun ĉiul. Esperantist(in)oj. Adreso : Al la *driekcio* de « Lingvo Infernacia ».

*Bone. Sed kial la gazeto portas sur la kovrilo tromptitolon?*

HEROLDO (5 Aŭgusto). — « Italio estas celo, revo de ĉiu kulturita homo, tiom ofte aŭdinta pri la glora pasinteco de tiu ĉi botforma Peninsulo. »

*Ni ne dubas, ke ankaŭ en Italujo ĉiu devas peni kaj forte fidi, — sed ni pensis, ke ĝi estas duoninsulo.*

SAMLOKE. — El raporto pri la Esperanto-tago de la Napola grupo : « ... Sekvis bufedo, per kiu la Napola grupo regalis la ĉeestantojn... «

*Jen ĉeestantoj, kiuj havas bonan apetiton. Proksiman fojon ili manĝos tablon, aŭ liton, aŭ .....*

# Ho sankta naiveco!

En julia numero de « Heroldo » nia bona samideano S-ro Erich Straschnow, del. de UEA, Wien, ankoraŭfoje pritraktas la demandon pri kunfandiĝo de « Heroldo » kun « Esperanto » de UEA. Per a + b li pruvas, ke el tia kuniĝo povus rezulti nur avantaĝoj, eĉ materialaj. Aŭskultu :

« Pro la eventuala superfluo je mono, kiu eble rezultos post la unuiĝo, mi proponus krei specon de loterio por la anoncantoj, kiu ebligas al la gajnanto(j) senkoste partopreni kaj vojaĝi al kaj de la kongreso; aŭ ia alia kombino je proponita bazo. Estos certe plenumo de sopira deziro de multaj samideanoj kaj ankaŭ efika propagando por nia lingvo. »

Necesas disponi pri granda porcio da kuraĝo por antaŭvidi « eventualan superfluon je mono »!!!

**AL LA HONORINDAJ GAZETOJ,**

**KIUJ INTERŜANĜAS KUN NI !**

**Estas senutile sendi viajn ekzemplerojn al nia administracia adreso. Nia sinjoro administranto, kiu presas mem multajn gazetojn, ne bezonas la viajn. Krom tio, li ne scias legi...**

**Bonvolu sendi ilin al nia redakcia adreso ! - Dankon.**

# Finita la komedio!

Por gajigi siajn intimajn klaĉvesperojn niaj germanaj amikoj povis, ĝis antaŭ nelonge, ĉerpi plensitele el tiu neelĉerpebla puto, kiu — en la plena senco de l'vorto — estis dis-puto inter la estroparo Behrendt (asocio DEB) kaj Willibald Pietsch (asocio NDEB). Nun la du skismintaj asocioj submetiĝis al komuna estrado de S-ro Kurt Walther.

Kurt Walther estas la ideala estro, kiun antaŭdestinis jam lia nomo*). Ĉar « Walther » efektive signifas (se nia malnova germana vortaro ne ŝercas!) « estranto ». — Bedaŭrinde, lia antaŭnomo Kurt ankaŭ havas signifon. Ĝi estas Esperanta neologismo (fi!) kun la signifo « mallonga »! Eble tial, nia bona amiko Kurt Walther pensis, ke necesas ne perdi tempon kaj tuj li plenŝutis la puton. Dank'al lia perado, S-ro Willibald Pietsch subskribis ateston tekstantan laŭsence:

« La asocio de S-ro Behrendt meritas neniun riproĉon, ĉar ĝia celo estas evidente ankaŭ la nia. »

Kaj S-ro Berendt deklaris tute propravole:

« Neniun riproĉon meritas la asocio de S-ro Pietsch, ĉar evidente ĝia celo estas ankaŭ la nia. »

S-ro Kurt Walther estas granda diplomato. Ĉu li ne povus nun okupiĝi ankaŭ iomete pri UEA?



Kelkaj el niaj samideanoj, malbone informitaj aŭ viktimoj de eksterlanda propagando, pensis, ke la germana registaro nur malmulte simpatias kun nia nobla afero. Do, ili ekmiru! — Ĵus D-ro Dietrich, ĉefo de l'gazetaro, por montri sian amon al nia nobla afero donis al nia bona sampartiano Albrecht Naumann la permeson traduki en Esperanton la libron « Kun Hitler al la potenco ».

Niaj plej sinceraj sukcesdeziroj akompanas nun la traduklaboron de nia sampartiano Naumann. Se li sukcesos, kiel tion ni rajtas esperi, tio estos nova kaj definitiva pruvo, ke Esperanto estas lingvo vere tre fleksebla.

A. B. C. Awful.

---

*) *Nomen est omen.*

# Balot - Batalo

---

Kiam homoj interŝanĝas flataĵojn kaj kompliment-ojn, oni diras, ke ili brilpoluras sin reciproke. Por tion fari ili uzas ciron.

Por okupi la komitatpostenojn de UEA interbatalis du partioj. Ili ne uzis ciron. Do, — kial ili bezonis tiom da cir-kuleroj ?

---

Cirkuleroj de Stettler, Karŝ, Baas, Isbrücker, de la francaj Reprezentantoj, de generalo Bastien, ktp. — Komence ĉiuj evitis transpasi la limojn de l' bontono. Krom S-ro Baas. Li tuj dekomence parolis Baas-tone ! Evidente.

---

Kaj same faris poste ankaŭ la aliaj. Ili recriproke tanis siajn felojn. Tio multe amuzis la publikon. La komika tano de UEA.

---

S-ro Karŝ, kiu defendis la liston majstre dozitan de S-ro Stettler, postulis « silentan laboron ». — « Niaj kandidatoj estos efektive laborantoj... » — « Jes », kon-sentis la aliaj, « ili estos... la borantoj de nia kaso ! »

---

Kaj ili konkludis : Karŝ & K'io aŭ Ŝark & K'io, estas la sama familio.

---

Inter la naciaj reprezentantoj kelkaj, kun certa mol-eco, akceptis la ĝisnunan sistemon. Sed kiujn naciojn ili reprezentis ?

La rezignaciojn.

---

Por trairi sukcese la dezerton de l' indiferenteco tutmonda ni sekvu fidele niajn ĝisnunajn karavan-estrojn !

Ne ! Jam sufiĉas la kara vanaĵo !

---

Kaj S-ro Stettler minacis : « Se vi ne akceptos mian liston, mi forĵetos la tutan budon ! »

Kaj la aliaj mokis : « Ni scias, ke vi kompetentas pri... budĵeto ! »

---

« Vi reprezentas la faŝismon ! »

« Kaj vi, la fuŝismon ! »

Ale Ben Tarip.

# Ni estas pretaj kompletigi...

« Nu, oni pripensu, ke neniu enciklopedio povas kontentigi dezirojn ĉiuflankajn. »
(El Antaŭparolo de l' Enciklopedio de Esperanto.)

Ankoraŭ la Enciklopedio de Esperanto aperis nur parte (1-a vol., lit. A-Ĵ) kaj jam aŭdiĝas voĉoj de malkontentuloj. Efektive, en ĝiaj paĝoj troviĝas tro da mankantoj. Kial oni preterlasis nomojn famekonatajn de samideanoj multmeritaj, dum oni plenigis tutajn kolonojn per detalaj sciigoj pri malpli famaj eminentnuloj ? Ne estas nia tasko esplori ĉi tie la kialojn de tia kabalo, sed estas nia tasko ripari tiun difekton de l' Enciklopedio. La personoj, kies nomoj, naskiĝdatoj kaj servoatestoj ne aperis en la dirita Enciklopedio, povas tute plenfide sin turni al ni.

Ĉi sube ni komencas nian riparan agadon kaj publikigas la unuajn notojn pri kelkaj forgesitaj gesamideanoj.

*Delanoue* (delanu') Georges. — Franco. Naskiĝis kiel suĉinfano kaj poste multe kreskis. Senlaca propagandisto de Esperanto, ĉefdelegito de UEA por la franca teritorio, dumviva membro de UEA (nun kontraŭvola). Publikigis la famajn pamfletojn kontraŭ S-ro Privat, sed tro frue, ĉar tiuepoke ekzistis ankoraŭ kelkaj partoj de la Hodlera kapitalo. Estis eksigita el UEA, ĉar li atakis la honoron de certaj gvidantoj kun pruvoj en la mano. Vivas nuntempe en Levallois (Levalŭa) kaj okupiĝas pri ĉio krom pri Esperanto.

*Gérard* (ĵerar) Gabrielle, fraŭlino. — Naskiĝis. Praesperantistino, al kiu la franca movado dankas siajn plej belajn sukcesojn kaj la malaperon de la lastaj idistoj. Sperta organizantino. Multjara vicdelegitino en Parizo kaj Honora Membrino de UEA. Ĉeestis mult-

ajn kongresojn, eĉ la Parizan. Ĉiam admiropreta, ŝi ne okupiĝas pri kritikado. Ne scias kanti, kaj tamen neniam kantis dum Esperantaj festoj. Ŝia devizo estas : « Al konkordo per mordo ».

*Ferrari* (ferari) Emilio. — Italo. Naskiĝis kiel filo de siaj gepatroj. Senlaca varbisto kaj barbisto, kiu propagandas la propagandon. Inventisto de la Verdsteluloj. Scias skribi kaj legi. Diplomita Ĉe-instruisto. Aktiva protagonisto de la Sisterona akuzativo. Abonanto de La Pirato. Aĉetis foje unu Esperantan libron. Sed neniam legis ĝin. Ĝi estis de Grenkamp. Ankoraŭ vivas kaj estas ĉiutage vizitebla en sia nova butiko, kie li razas senpage la novajn Esperantistojn. Ne forgesu la verdan stelon !

La Riparisto.

---

## LA POŜTOSAK' DE L' ŜIPANAR'

Al S-ro Georges E. M. — Ni ricevis viajn pinglojn. Sed ili estas kiel la paraleloj, kiuj estas je la distanco de 23° 27' 27" de la ekvatoro : tropikaj ! Krom tio, ni pensas, ke Grenkamp estas nun sufiĉe malpufigita.

Al F-ino M. B., en L. — Vi verŝajne malbone aŭdis. Li ne estas inteligenta. sed inde ligenda !

Al S-ro P. G., en H. — Ni neniam kredis, ke unu poŝtkarto povas enteni tiom da demandoj. Kiu fabelis al vi, ke en Francujo Esperanto estas malpermesita ? — Al viaj demandoj ni respondas parte jes, parte ne.

Al S-ino G. S., en B. — Dankon pro la detalaj informoj pri la seksa pilo de viaj Bruselaj amikoj. Tio ne mirigas nin. Ili estas belglandaj.

Al S-ro S. T., en V. — Via komentario al la Piratludo estas amuza, sed tro longa por publikigo. Piratsaluton !

Al F-ino A. v. d. H., en R. — Ni ricevis la Biciklon kaj, eble, uzos ĝin. Dankon kaj saluton !

Al S-ro W. D., en O. — Ni akceptas kaj publikigos.

---

*Al la nova Komitato de UEA :*

*Se vi enspezas 356 frankojn kaj se vi elspezas 356,10 frankojn, vi havos deficiton !*

*(El la saĝosako de S-ro Micawber.)*

# LA VOJAĜO AL KONGRESO DE SINJORO FREŜ BAKITO

PORTU LA STELON!
GRUP-KUNVENO
AKVOFALO DE KOTIZOJ
L.K.
KIRLO DE
AKADEMI
RABO DE L' AKUZATIVO
FIRME KAJ RIGIDE
FORTE NI STARU
KURAĜE KAJ ELEGANTE
UNIVERSALAJ SOCIETOJ
PAKAJ SOCIETOJ
KORESPONDADO
LAGO DE MALFACILAĴOJ
RIFOJ DE PARTICIPOJ
NACIAJ SOCIETOJ
P.T.T.
RIVERO MOVADO
GAZETARO
KONFERENCO
OBSTINE ANTAŬEN
NUR REKTE KURAĜE KAJ NE FLANKIĜANTE
AFIKSOJ
DELEGITO
GRAMATIKAJ FINAĴOJ
PERMESITO
AKCENTO
FARU LA KONTROLON
ALFABETO
FAK-KUNSIDO
BONVENON KAJ BONVINON
ATINGOS LA CELON EN GLO-RO
INSULO LINGVOSCIENCO
PLIBONIGOJ
REFORMOJ
NEOLOGISMOJ
DEZERTO "ORGANIZA DEMANDO"
EKSIĜOJ
LKK
DOGANEJO
PASPORTEJO
INTERNA IDEO
SKISMOJ
EKSIĜOJ
UNIKA DIREKTO
ATENTU NE FORGES KUNPRENI MONUJ EBLE VI ĜIN ZONOS
INVITO AL VOJAĜO
VARBO-LANDO

(Bildo de Raymond Laval)

ENIRO ĈI TIE!

# Jupoj kaj Pantalonoj

La hazardo kelkfoje organizas strangajn koincidojn, kiuj multe similas al intencita mistifiko.

En la daŭro de tri tagoj, nia redakcio ricevis tri manuskriptojn: Unu de anglino, kun la titolo « Jupaj aferoj »; duan de francino, kiu temas pri pantalonoj; kaj trian (en poeziimita formo) de nia nemortigebla amiko Nels, kiu, ĉi tiun fojon ĉerpis sian inspiron el la « Pantalono de Mimi »!

Ni senhezite publikigas tiujn ĉi tri manuskriptojn, kaj se nun iu kuraĝos aserti, ke ni ne okupiĝas pri seriozaj aferoj, ni konsideros lin kiel kalumnianton!



## Jupaj Aferoj

La programoj de la Londona Klubo estas tre variaj kaj, kiam klubanoj sendas ekzemplerojn de tiuj programoj al alilandaj korespondantoj, okazas kelkfoje, ke tiuj ĉi petas klarigon pri iu aŭ alia programpunkto, kiu ŝajnas iom tro speciale angla.

Multaj ne-angloj ne scias kio estas « vistrondo » aŭ « limerika konkurso », sed la ero, kiu ŝajne plej interesas fremdajn samideanojn, estas la tiel nomata « Jupa Vespero ».

Nu, kio do kaŝiĝas sub tiuj jupoj?

Estas tute simple vespero, dum kiu nur sinjorinoj kaj fraŭlinoj distras la ĉeestantaron. Estas vere, ke multaj sinjorinoj portas la pantalonon en la hejmo kaj granda nombro da fraŭlinoj portas pantaloneton por bicikli, gimnastiki k. t. p., sed dum tiu ĉi vespero, por ke estu nenia dubo pri ilia sekso, la inoj senescepte portas jupon.

Por tiuj, kiuj tion ne scias « limeriko », estas verseto kvinlinia. La du unuaj kaj la lasta linio rimas kaj la du mezaj. La akcentoj estas jene aranĝitaj:

3 — 3 — 2 — 2 — 3

Iu ŝercemul(in)o verkis limerikon pri la lasttempa Jupa Vespero:

Dum kluba vespero la Jupa
Dancadis kun ĉarm' vere pupa
La klub-ŝafidar';
Ho, ho, amikar',
Minacas danĝero la lupa!

La organizanto de tiu « Limerika Konkurso » deklaris, ke tiu verseto aludas verŝajne al la fablo pri la lupo en ŝafida felo, sed mi pensas, ke eble temas pri la tradicio, ke lupoj emas formanĝi ŝafidojn. Sed en Anglujo ne okazas tiele. La « lupoj » ne estas tiom manĝemaj — aŭ almenaŭ tion ne montras — kaj kutime estas la « ŝafidoj », kiuj manĝas la « lupojn »! Nu, en lando, kie estas unu miliono pli da virinoj ol da viroj, tio estas preskaŭ memkomprenebla afero. La leĝo de « supply and demand »*) faras, ke la edzbatalo estas iom akra.

Ĉiuokaze, tiuj jupaj vesperoj estas ĉiam tre sukcesaj kaj mi proponas levi la ĉapelon al la ĉarmaj samideaninoj, kiuj kunlaboras al tiuj programoj, kaj al la virinoj mi proponas levi la jupojn salute al la galantaj, nelupaj anglaj sinjoroj.

VAGULINO.

N. B. — Ĵus oni informas min, ke la nova programo de la Londona Klubo enhavos ankaŭ « Pantalonan Vesperon »!



# Ekzemploj

Juna instruistino antaŭ sia lernantaro klarigis la diferencon inter konkretaĵo kaj abstraktaĵo. Poste, por konvinkiĝi, ke ĉiuj bone komprenis, ŝi petis ekzemplojn.

Inteligenta knabo diris : « Mia pantalono estas konkretaĵo. »

« Ĝuste », la juna instruistino konsentis, « efektive ĝi estas videbla kaj tuŝebla. Nun donu al mi ekzemplon pri abstraktaĵo. »

Tiam alia knabo diris : « Via pantaloneto, fraŭlino! »

Tiu alia knabo estis malinteligenta.

BRANĈETO.

---

*) Oferto kaj bezono.

# De Mimi' la Pantalono...

De Mimi' [1] la pantalono [2]
Estas... [3] kvazaŭ beladono: [4]
Nervojn ŝirmas ĝi ribelajn, [5]
Sonĝojn donas al mi helajn... [6]
Bonodora, [7]
Flave-ora,
Iafoje verdkolora [8]
Kiel stel' de Esperanto, [9]
Estas dolĉa al amanto,

**KOMENTARIO**

1. Mimi' — karesa ina nomo, karakterize franca kaj tipe pariza Elektinte tiun nomon la aŭtoro tre lerte montras, per tiu ĉi sola vorto, ke la objekto de liaj sopiroj troviĝas en Parizo. Jam ĉe Alfred de Musset, en lia bela rakonto « Mimi Pinson » (1845) la heroino portas tiun nomon, kiu fariĝis intertempe sinonimo de amatino, aŭ — pli ĝuste — de amantino.
Rimarku la sinsekvon de l' vortoj! Unue Mimi' kaj nur poste la pantalono, per kio la poeto klare eldiras sian preferon.

2. pantalono — kompreneble, ne temas ĉi tie pri la vira krurvesto samnoma, sed pri tiu ĉarma virina ŝinko-kovrilo, tre ofte el delikata ŝtofo kaj el kiu la poeto ĉerpis sian inspiron.

3. Tiuj tri punktoj (ne kvar!) diras, ke la aŭtoro hezitis antaŭ ol trovi la komparon.

4. beladono — venena veg. el fam. de l' solanacoj (atropa belladona). Jen komparo, eble iom kuraĝa, sed tiel trafe elektita! Certe, sprita aludo al la medicina rolo de l' beladono, el kiu oni produktas atropinon ($C^{17}$ $H^{23}$ $O^{3}$ N), kiu « plilarĝigas la pupilon »!

5. Unu mallonga frazo kaj la fundamenta temperamento de Mimi' estas majstre pentrita.

6. Tiu « helajn » estas unu el la plej malhelaj partoj de l' poemo. Oni multe diskutis pri ĝia interpreto. Prof. G. G.W. Stickson (Oxford) opinias, ke temas pri preseraro. Laŭ li, la originalo estus « felajn ».

7. bonodora — la poeto kapablas percepti ankaŭ per la nazo. Tiu ĉi epiteto, cetere, bazas sur tute persona impreso.

8. flave-ora, iafoje verdkolora — kelkaj komentariistoj konkludis el tio, ke Mimi' posedas almenaŭ du pantalonojn. Sed ĉio rajtigas nin kredi, ke estas la sama pantalono, kiu komence estas flave-ora kaj fariĝas poste. iafoje, verdkolora. Cetere Nels diris « De Mimi' *la* pantalono ». Evidente temas nur pri unu pantalono.

9. Jen ekzemplo de eksterordinare penetranta observkapablo!

Ĉar trezoron [10] ja [11] entenas
Kaj al ĝi deziron [12] ĉenas... [13]
Se la koro [14] estus same
Milda kiel pantalono,
Mi elektus ĝin orname [15]
Por la mia, agord-sono... [16]
Ve! [17] la koro estas dura, [18]
Tia diamanto pura, [19]
Kaj mi restas trista, [20] povra, [21]
For de l'amo, morne [22] sobra...

JOSEPH NELS.

10. trezoro — Jam Kabe mencias, ke tiu vorto havas du signifojn: a) amaso da kaŝita mono, da multvaloraj kaŝitaj objektoj kaj b) io tre ŝatinda, persono tre amata. En la supra verso la unua signifo ŝajnas aplikebla.

11. ja — jesanta konjunkcio. Do: la trezoro efektive ekzistas.

12. deziro — lat. desiderium. Ĉi tie ĝi estas la necesa komplemento de l' trezoro.

13. ĉenas — tute bilda esprimo, kiun neniu povas miskompreni.

14. koro — muskola organo, kun formo de renversita konuso. Kun tiu konscia modesteco, kiu karakterizas la verajn saĝulojn, Nels ĉi tie neniel asertas, sed eldiras nur kondiĉan supozon: *Se* la koro estus... Efektive, definitivan aserton li povos riski nur post la nekropsio de Mimi'.

15. Tiu ĉi vorto povas pravigi sian aperon en tiu ĉi loko nur tial, ke ĝi rimas kun «same». Sed tiu ĉi argumento sufiĉegas!

16. Tre konfuza frazkonstruo, kies senco — se entute iu enestas — ŝajnas enigma. Sed tion la poeto ne faris sen intenco. Nur tiel li povis traduki la ĥaosan staton, kiun kreis en lia animo la pantalono de Mimi'.

17. Ve — nun la kluzoj rompiĝis. La doloro de l' poeto, ĝis nun perforte retenita, eksplodas. Ĉio estas perdita.

18. dura — neologismo, kiu signifas malmola. La granda doloro evidente forprenis de l' poeto ĉiun prudenton. Por li ne plu ekzistas baroj, nek limoj. Vidu la lastajn versojn.

19. Tre ĝusta komparo, kiun akcentas la sonoreco de l' vokaloj.

20. trista — neologismo. Vidu 18.

21. povra — neologismo. Vidu 20.

22. morne — neologismo. Vidu 21.

Tiu subita kaj abunda uzo de neologismoj pruvas, ke la aŭtoro, kun malofta ekkompreno, sentis mem la urĝan necesecon enmeti, almenaŭ en la lastajn liniojn, kelkajn poeziajn elementojn. La poemo postlasas nun ekzotikan impreson.

*Komentariis*
ALE BEN TARIP.




## POR KOMPRENI...

Kelkaj samideanoj el la malofta speco de l' nenaivuloj sidis ĉirkaŭ la aperitiva tablo kaj alvenis al la fino de la tria glaso kaj samtempe al tiu ĉi konkludo : Nia lingvo estas bela, fleksebla kajtielplu, sed verdire ĝi ne estas necesa !

« Pardonu, eminentaj saĝuloj », diris nia amiko Hiki Mamatu, « mi ne konsentas. Aŭskultu, kion ĵus mi legis en mia gazeto nacilingva ! »

— La 31-an de julio, vespere je la 10-a, kiel kutime la vagonaro al Stockholm forlasis la Nordan Stacidomon en Parizo. Jam multaj vojaĝantoj pli aŭ malpli senbrue dormadis, kiam emociiga helpokrio trapikis la noktan silenton. La plej kuraĝaj kuris senpripense por vidi, kio okazis. Baldaŭ ili trovis en unuaklasa kupeo duonsvenintan sinjoron, kiun ili facile povis identigi kiel anglon dank' al tabakrestaĵo en lia pipo. Kiam tiu anglo bonvolis retrovi la parolkapablon, li klarigis al ili, en itala lingvo, ke la juna hispano, kiu sidas en la alia angulo ŝajnigante profundan dormon, ĵus frapis lin kruele per pluvombrelo. Komprenante la rabintencon de l' frapanto nia anglo propravole volis donaci al li unu el siaj oraj dentoj. Sed la rabisto ne akceptis. Li postulis pli : « Ne viajn dentojn mi volas rabi, nek vian nikelan poŝhorloĝon, sed vin mem mi volas, vin mi volas preni ! » Kompreneble oni povis tre rapide veki la ŝajndormantan junulon, kiu senprokraste devis konfesi sian fiagon.

Temas pri hispana studento el Barcelono, ido de plej honorinda familio. Oni eksciis plue, ke li estas fervora Esperantisto veturanta al la kongreso en Stockholm. Sed estis neeble kompreni la kialon de lia atako al sendefenda angla sinjoro kaj de lia krima rabodeziro. »

« Nu », diris la aliaj unuanime, sed unu post la alia, « ĉu tio pruvas, ke Esperanto estas necesa? — Kiu ajn povus rabi oran denton de angla vojaĝanto en franca vagonaro, aŭ eĉ intenci rabi la tutan sinjoron. Por tion fari oni vere ne bezonas Esperanton! »

« Konsentite », nia amiko Hiki Mamatu respondis, « sed kompreni la kialon de l' atako povas nur tiu, kiu estas Esperantisto. »

« ??? », demandis la stultforma aspekto de niaj vizaĝoj.

« Jen », Hiki Mamatu bonvolis klarigi, « tiu juna hispana samideano deziris veturi al Stockholmo kun rabato. »

« Kaj ?? »

« Nu, ĉu vere vi ĉiuj estas hermetike ŝtopitaj, tiel, ke vi ne povas kompreni? — Li volis veturi kun rabato, kun rab-ato, ĉu vere vi ne povas kompreni? »

« Ah, ha! » ekkomprenis nun ĉiuj, — kaj mendis la kvaran glason.

Jules Laribois.



## DANĜERA AVENTURO

Povas okazi, ke pirato venas dum mallonga tempo al la familia rondo kaj tiuokaze kontaktas kun la civilizo. Reveninte al la ŝipo, li rakontas pri strangaj aventuroj. Jen unu el niaj kunuloj avertas nin pri aĉa specialisto, kiu misuzis lian naivecon, kiam por plaĉi al sia bopatrino, li petis pri hartranĉo.

« Mi eniris butikon el marmoro. De ĉie speguloj resendis mian bildon, ĉirkaŭatan de sennombraj boteloj (ne da vino, ve!) Oni sidigis min sur apogseĝon kaj la nekredebla turmento komenciĝis

Mia korpo estis envolvata en mortotuko, kaj blanka molaĵo estis premata rembure inter kolkarno kaj ĉemizkolumo. Sentante eliĝi ĉe la tempioj la ŝviteton pro senspiriĝo, mi ricevis manpuŝon, kiu kuŝigis mian kranion dekstren, kaj la malvarmo de l' tondilo tremigis mian epidermon.

Je la brua klaktintado de l' feraĵo, kiun la tondisto rapide movadis, la haroj disfalis kiel pluvo, glitis en la okulojn, lokiĝis sur la palpebrojn, algluiĝis ĉe la lipanguloj, kiujn ili tiklis kaj pikis, dum nova manpuŝo subite kuŝigis mian kranion maldekstren.

Dekstren, maldekstren, fikse! kaj tiu kapiro kaj reiro daŭris, daŭregis. Dume galopadis la tondilo, manovrante ĉirkaŭ la oreloj, kurante sur la vangoj, vundetante la haŭton, vojirante laŭ la tempioj, barante la okulon, kiu strabis, duonblindigite de ĝiaj ekaj rebriloj.

— Ĉu sinjoro deziras legi gazeton ?

— Ne !

La funebra ĝardenisto rastis nun furioze per pika kombilo, kaj tenante mian kappostaĵon inter ambaŭ siaj pugnoj, li balancis ĝin supren, malsupren, tre rapide, klinante sian barbon sur mian frunton, elspirante sur mian vizaĝon, ekzamenante en la spegulo, ĉu la tonditaj haroj estas ĝuste samlongaj ; jen li tondumas, tie ĉi, malĉi tie, denove, ankoraŭ, kaj ree.

Kaj li rekomencis kaŝludi kun mia kapo, provis perpreme enirigi ĝin en mian stomakon. Poste, por pli bone juĝi pri la rezulto de la tranĉado, li promenigis speguleton ĉirkaŭ mia kapo, surgenuis, sopiris, retranĉis, tiris, tiklis, pinĉis, kraĉis, puŝetis.

Senfortigita de siaj penoj, la haristo spiregis, blovis bovece, kaj ree sin ĵetegis al mia kapo, kiun li senhalte rabotis per du brosoj. Sopiron de korpremeco mi ellasis dum, formetante siajn striglilojn, li skuis la mortotukon.

— Ĉu sinjoro deziras parfumfroton ?

— Ne !

— Kaplavon do ?

— Ne !

— Sinjoro estas malprava ; tio firmigas la kaphaŭton kaj detruas la skvametojn...

Kaj kvazaŭ hazarde la fiulo minace proksimigis razilon al mia kolo dum mi mem, enkarcerigita en la diabla tolaro, neniel povis gesti.

Per mortanta voĉo mi do fine akceptis la kaplavon, laca, venkita, ne plu esperante min forsavi vivanta el tiu abomena ejo.

Nun, roso fluis, guto post guto, sur mian harecon, kiun la viro, suprenfaldinte siajn manikojn, frotegadis. Baldaŭ poste tiu roso, kiu malbonodoris kiel krevinta rato, iĝis ŝaŭmo, kaj konsternita mi ekvidis min en la spegulo kapvestitan per kvazaŭ neĝovaĵo disfalanta sub la fingrobatoj de l' fuŝulo.

La momento venis, kiam la turmento atingos sian plejegan akrecon. Malmilde mia kapo flirtis, kiel sur reĵetiloj, inter la brakoj de l' haristo, kiu blekis kaj baraktis. Mia kolo krakis, miaj okuloj ŝprucis, la kongesto komenciĝis, frenezo minacis. En lasta eklumo de natura saĝo, en lasta preĝo mi humile petegis la ĉielon, ke mi subite senhariĝu, ke mi fariĝu kalva, kiel Nelskapo.

La operacio tamen estis baldaŭ finiĝonta. Mi levis min ŝanceliĝante, pala, kiel post longa malsano, gvidata de la turmentisto, kiu dronigis mian kapon en lavujon, ĝin ekkaptis je la nuko, ĝin aspergis per abundaj fluoj de brulvarma akvo, poste ĝin forte kunpremis per ĉifonaĵoj, kaj ĝin reportis sur la apogseĝon, kie, simila al brogita viando, ĝi kuŝis nun senmove.

Post la kruelaj doloroj ricevitaj, plu restis nur suferi la naŭzon

de l' finaj manipuloj, la peĉŝmiraĵon dispremitan sur la manplatoj kaj algluitan sur la kranion ree skrapatan de la putriĝintaj dentoj de l' kombilo.

Estis finite, mi estis savita, staranta, libera, sed mi devis ankoraŭ energie forpeti la proponojn pri sapo kaj tualetaĵoj kaj (kia skandalo!) mi devis pagi!

— Hartranĉo sen parfumfroto kostas duoblan tarifon, anoncis la kasistino kun plej afabla rideto, kiu tute senarmigis min.

Finfine mi forkuris el la danĝera butiko ĵurante, ke ja neniam mi revenos, dum ekjukis la fortranĉitaj haroj falintaj sub mian ĉemizon. Kaj rapide mi paŝis hejmen, admirante la heroecon de l' urbanoj, kiuj bonvole akceptas la tiranecon de l' haristoj.»

Direktante horizonten sian aglecan klarvidon, la deĵoranta pirato penseme grumblis konklude:

— Oni diros, kion oni volos, sed certe nenie oni vivas tiel trankvile kaj sendanĝere, kiel sur nia ŝipo!...

A. Sesa-Kebat.



# JUSTECO

*Geedzoj sidantaj en sia ĝardeno ekaŭdis konversacion, kiu okazis aliflanke de la arbetaĵbarilo, inter junulo kaj junulino. La interparolado fariĝis pli kaj pli amema, tiagrade, ke la edzino flustris al sia edzo:*

*« Sendube, Karlo, mi opinias, ke li estas tuj proponota la edziĝon. Ĉu vi ne pensas, ke estus dece fajfi, por ke li sciu, ke ni estas ĉi tie?*

*« Kial mi tion faru?» respondis la edzo, « ja ankaŭ por mi neniu fajfis.»*

*ALTA LITERATURO*

# Konsentu !

Belruĝa dianto
de blankdiantino
fariĝis amanto.
Post grefta edziĝo
okazis naskiĝo :

Dianto striita
ruĝblanke pentrita.

Kolombo ĝentile
kun belkolombino
manovris flugile.
Post birda edziĝo
okazis naskiĝo :

Senpluma ideto
kun longa beketo.

Li faris promesojn...
la bela kuzino
konsentis karesojn...
Post urĝa edziĝo
okazis naskiĝo :

Bubeto ĝentila,
al ambaŭ simila.

Nur vi min forpelas !
Kompatu, fraŭlino, —
ĉar amon mi celas !
Post nia edziĝo
ja ebla naskiĝo...

« Anstataŭ sentenci
bonvolu komenci ! »

SALDANHA CARREIRA.

# Kiam « Heroldo » intrigas...

En Kolonjo eĉ la plej bonvolaj statistikistoj ne sukcesis nombri pli ol mil kongresanoj. Kaj ne plaĉis al la sinjoroj en Kolonjo, ke jam multajn semajnojn antaŭ la Stockholma monato la kongresontoj estis pli ol 1.600 ! Kaj kial ne plaĉis ? Ĉu tiu Esperanta sukceso ne devus ĝojigi nin ĉiujn senescepte ? Ĉu antaŭ tiu bela rezultato ne devus silenti la raŭka voĉo de l' envio kaj ĵaluzo ? Ĉi tie ja ne temas pri konkurenco sed nur pri komuna venko.

Tion la sinjoroj en Kolonjo ne komprenis. Ili ne volis, ke Stockholm superu Kolonjon per la nombro, kaj tiam ili uzis vere kondamnindan procedon por fortimigi la kongresontojn, por artifike krei panikon. Ni lasas al nia elita legantaro la taskon konkludi mem.

La 22-an de julio (do kelkajn tagojn antaŭ la ekvojaĝo al Stockholm) « Heroldo » publikigis per dikaj, grasaj literoj sur la unua ĉefpaĝo tiujn vortojn, kiujn ni kopias senŝanĝe :

**« D-ro Privat honoros la kongreson**

**per telefona alparolado el Ĝenevo. »**

Oni tuj travidas la kaŝitan intencon de tia alarmvoko. Tio estas malbela ago, nelojala konkurencmetodo, kiun ni nepre ne povas toleri en Esperantujo. Imagu la korŝirajn sentojn de patrinoj, kiuj hazarde legis tiun insidan informon dum la filoj estis ekveturontaj !

Se malgraŭ tiu lastmomenta intrigo kunvenis en Stockholm tamen ĉirkaŭ du mil kongresanoj, tio pruvas, dank' al Dio, ke kuraĝo ne mankas inter ni, kaj tio pruvas, ke en normalaj cirkonstancoj, sen tiu minacanta danĝero, oni estus vidinta en Stockholm

almenaŭ tri aŭ kvar mil partoprenantojn. Ni ne gratulas « Heroldon » pro tiu stulta farso.

A. B. C. AWFUL.

*P. S.* — Kelkaj amikoj, kiuj ĵus revenas el Stockholm, certigas al ni, ke « Heroldo » ne ŝercis. La farso estas aŭtentika. D-ro Privat efektive telefonis al la kongreso ! ! Kaj honoris la kongreson. Kaj la kongreso dankis pro la honoro.

Konsekvence ni povas nur peti pardonon de « Heroldo » pro nia naiva suspekto. Antaŭ la evidenteco de l' fakto ni ne plu rajtas dubi. Niaj amikoj, kiuj ĉeestis tiun historian momenton, eĉ promesis havigi al ni, post kelkaj tagoj, la originalan tekston de l' telefona parolado. Sed ni ne povas atendi plu kaj jam hodiaŭ ni publikigas ĉi sube la belan paroladon de D-ro Privat.



« Estimata kongreso ! — Karaj kavaliroj de la Verda Stelo ! Solena por ĉiam estos la hodiaŭa tago. Vi kunvenis el ĉiuj landoj, el la nordo, el la sudo, el ĉiuj terpartoj por ĉerpi novajn fortojn kaj fortan entuziasmon, por montri al la mondo, ke nia bela idealo, por kiu ĉiu el vi estas preta verŝi la lastan guton de nobla sango kaj sub kies dolĉa ombro kuniĝas frato kun frato por batali pace kaj discipline, portante tre alte la flagon, kiu reprezentas nian belan idealon kaj nian entuziasmon.... retiriĝu, fraŭlino, mi ankoraŭ parolas !... Solena, mi diris, estas la hodiaŭa nokto, kaj mil kaj mil kilometrojn for de vi, mi estas kun vi, ĉar mi partoprenas la kongreson kiel la grandaj generaloj partoprenis la militon : per telefono ! Tiel kunlaboras hodiaŭ du geniaj eltrovaĵoj : la telefono, la lingvo Esperanto kaj mi por alporti al vi mian saluton kaj diri al vi mian fidon al la certa venko de nia bela idealo, sub kies flago ni ĉiuj batalas pace kaj disci-

pline por atingi la celon en gloro kaj lasu min paroli, fraŭlino, mi ne finis !

Al la kongreso mi deziras plenan sukceson. Mi esperas, ke fine oni ne plu parolos pri organizado kaj ke la Esperanta popolo fine komprenos, ke ĝi devas fidi al siaj gvidantoj, kiuj prenis sur siajn ŝultrojn la noblan taskon konduki ĝin al la celo. Kune ni venkos, aŭ mortos, aŭ bankrotos, sed ĉiam ni defendos kun ĉiuj fortoj de niaj pulsantaj koroj nian belan idealon ! »

A. B. C. A.



*(Desegno de Wranka Dragutin.)*

La kaso estas malplena. Adiaŭ !




**Ordo!** — Senescepte ĉiuj kongresanoj konstatis en Stockholm modelan kongresaranĝon. Sed ĉe kelkaj sudlandaj samideanoj, kiuj kutimiĝis al pli da fantazio en la sinsekvo de l' programpunktoj, tiu akurata bonordo lasis impreson de malvarmo. Kaj unu el niaj bone konataj italaj amikoj konfesis: Mi ne ŝatas tiun glacian ordon.

**Varme.** — Kaj tamen estis varmege, pli speciale dum la kunsidoj de l' organizaj komisionoj. Hans Jakob kaj Stettler ŝvitis. La aliaj ankaŭ.

**Nuligo.** — Por eviti tiujn malbelajn diskutkunsidojn S-ro Stettler tre saĝe kaj kun vere patra sento zorgis jam antaŭ la kongreso por prezenti en Stockholm funkciantan kaj definitivan komitaton de UEA. Bedaŭrinde, li malatentis la statutojn kaj devis akcepti la nuligon de l' jam akirita rezultato.

**Prunte...** — La komitato, por kiu oni voĉdonis antaŭe, devis eksiĝi. La voĉdonintoj reprenis siajn voĉojn. Ĉar antaŭ la kongreso ili nur... voĉpruntedonis.

**Idoloj falas...** — Kiam oni komunikis al la kongresanta publiko la rezultaton de l' nova baloto kaj kiam oni eksciis, ke S-roj Karsch, Privat kaj Ĉe ne estas reelektitaj, okazis preskaŭ revolucio. Iuj freneze aplaŭdis, — aliaj kriis: Estas honto, fi! — Fajra hispano minacis: « Ne ripetu tion aŭ mi batos vian vizaĝon! » — Frata atmosfero.

**Konsekvence...** — Kiam S-ro Stettler komprenis, li komprenis. Kaj vidante sian vic-prezidanton Karsch inter la mortintoj, ankaŭ li eksiĝis. — Kaj kiam S-ro Hans Jakob vidis sian prezidanton inter la eksuloj ankaŭ li deklaris: « Mi demetas miajn funkciojn! » — Kaj iu el la publiko, kiu bedaŭrinde havis nenion por demeti (krom siaj vestoj), tamen deziris manifesti kaj vokis: « La francoj faris malbelan agon! » — Kaj la vokinto estis franco.

**Kaj... kaj... kaj...** — La delegito el Kœnigsberg, ĝisnuna subtenanta membro, antaŭ tiu hekatombo proteste deklaris: Ankaŭ mi eksiĝas!

**Telegramo.** — Por anstataŭi la « eksiĝitan » prezidanton Stettler oni unuanime elektis S-ron Merchant, kiu ne ĉeestis. Tial oni telegrafis al li la bonan nov-

aĵon. Kaj venis respondo : « Mi dankas ! sed prenu alian. »

**Signo de l' tempoj.** — Kaj refoje unuanime oni elektis S-ron Bastien. — Jam antaŭ multaj monatoj « Heroldo » planis organizon de l' Esperanta armeo. Ĝi estu kontenta. La nuna prezidanto de UEA estas generalo ! (en la civila vivo).

**Logike.** — Oni pretendas, ke nun ĉiuj Esperantaj grupoj aliformiĝos. Ili estos Esperantaj trupoj. Kun trupestroj. Mortu la sekretarioj kaj vivu la serĝentoj ! Unu, du !

**Bedaŭrinde...** — Generalo Bastien jam delonge formetis la sabron. Kaj jam anoncis solene la finon de l'Esperanta fratbatalo. Pro kio oni multe aplaŭdis lin en Stockholm.

**Ciferoj.** — La novaj komitatanoj sukcesis malkaŝi la veran staton de UEA. Kaj tion ili malkaŝis ankaŭ al la publiko. Kiam oni aŭdis, ke laŭ la ĝisnunaj metodoj UEA povos vivi maksimume nur ĝis proksima januaro, oni ne estis tre fiera.

**Redde mihi legiones !** — Unuafoje depost multaj jaroj S-ino Hodler reĉeestis kongreson. Tie ŝi havis la okazon ekscii, ke el la 128.000,— sv. fr., kiujn ŝia edzo postlasis al UEA en 1921, restas nun ankoraŭ 15.000,— el kiuj unu duono, nemobilizeblaj hipotekoj en Germanujo, estas konsiderata kiel perdita. La alia duono, 7.500,— fr., ne sufiĉos por ŝtopi la truojn...

**Modesteco.** — Pri la mizera stato de l' ĝisnuna UEA sciis nur tri homoj : Stettler, Karsch, Hans Jakob. — Kiam oni riproĉis al la aliaj komitatanoj, ke ili neniam okupiĝis pri la vera kasostato, ili trovis tiun ĉarman respondon : Ni ne estis scivolemaj !

**Ek !** — Fine, ankaŭ la plej fanatikaj defendantoj de l' malnova UEA komprenis. Kiam generalo Bastien promesis, ke denun oni evitos ĉiujn deficitojn, ke UEA vivos ne plu super siaj rimedoj, li rikoltis tondran aplaŭdon...

**Kaj... kaj... kaj...** — La delegito el Kœnigsberg realiĝis al UEA kiel patrono !

**Paco.** — La novaj komitatanoj ŝajne ne estas kanibalaj hommanĝantoj. Kiel ponton inter la pasinteco kaj la estonteco ili elektis S-ron Isbrücker vic-prezidanto de UEA. — Plue, — ĉar, kiam ili nombris la novajn komitatanojn, ili konstatis, ke mankas unu, — ili invitis S-ron Ĉe sidiĝi ĉe la estrara tablo. — Kaj S-ro Stettler faris belan paroladon por diri, ke eble la nova spirito estos pli bonŝanca ol la malnova. — Kaj ankaŭ S-ro Pomérol estis kontenta.

*Oni diras ofte « la gekongresanoj ». Ĉu estus malĝuste diri ankaŭ « la gekongresado » ?*

# *KONFESO*

*Ni ne provos kaŝi al nia elita legantaro, ke « La Pirato » ne aperis dum julio. Sendube la plej sagacaj inter vi tion jam konstatis mem.*

*Ni ne provos senkulpigi nin asertante, ke ni tute forgesis aperigi nian julian numeron. Tio estus neverŝajna.*

*La vera kaŭzo estas, ke ni deziris fari al vi grandan plezuron : Ne tedi vin dum la libertempa periodo : ne makuli per nia pirata prozo la serenecon de via kampara, aŭ montara, aŭ marborda, aŭ kongreslanda ĉielo ; — ne rememorigi al vi per niaj senrespektaj aludoj la etajn mizerojn kaj bagatelajn konfliktojn, kiuj — dank' al Dio — ankoraŭ abunde kreskas en nia Esperanta ĝardeno.*

*Kaj fine, ni konfesu, ke ankaŭ ni libertempis. Komplete kaj malavare. Tial.....*

*Tial la nuna numero estas duobla. Ne nur laŭnome, sed efektive.*



*Por pruvi palpeble, ke ni estas absolute sendependaj, eĉ de l' plej elementaj principoj de bonedukiteco, ni respondis lastatempe, pro la supre menciita kaŭzo, al neniu letero. Amasiĝis en niaj poŝoj, tirkestoj, tabakpotoj kaj aliloke multegaj korespondaĵoj. Kelkaj el ili havas vere urĝan karakteron. Ĉi tiujn ni promesas ekzameni ankoraŭ antaŭ Kristnasko. Aliaj intertempe likvidiĝis mem. Jen imitinda ekzemplo !*



*Le Gérant :* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# NIAJ ABONEJOJ

*Aŭstrujo :* S-ro Alfred Klein, Cirkusgasse 34/9, *Wien II.* — Unu jaro : S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo :* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX.* — Unu jaro : Kr. 20,—.

*Germanujo :* Friedrich Ellersiek G. m. b. H., Wilms-Str. 5, *Berlin S. W. 61.* — Postscheckkonto : Berlin 293 18. — Unu jaro : RM 2,10.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo :* S-ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro : Pesetoj 6,—.

*Italujo :* Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro : Lit. 12,50.

*Japanujo :* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro : 3,50 jenoj.

*Nederlando :* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto : 230 505. — Unu jaro : Guld. 1,25.

*Polujo :* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

*Svedujo :* S-ro Oskar Svantesson, Karl Johansgatan 61, *Göteborg.* Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro : Kr. 3,75.



**Al ĉiuj novaj abonantoj ni liveros - ĝis elĉerpiĝo - nian junian numeron kun la Ludo de l' Piratoj.**

**Estas pli bone aboni hodiaŭ ol neniam !**